# Amikeco

Monata gazeto de la
Internacia Esperantista Kolektanto-Klubo,
Sekcio de Migrantaj Poŝtkartoj,
Internacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj.
Prezidanto: J o s e f G r o e b e l .
Administrado: Koblenz am Rhein, Eltzerhofstr.5
Poŝtĉekkonto: Köln 37957

N-ro.3 Marto 1926 3.jaro.

Vi Vi Vi
ne jam pagis la jarkotizon 1926.
Ve Ve Ve
ni devas elkrii, ĉar la nepagemuloj estas multaj
Ne Ne Ne
vi volas, ke Amikeco venu en malfacilan situacion? Tamen tio okazus, se vi ne bonvolus tuj pagi vian kotizon, se vi ne jam faris. Ni laboras por vi dum la tuta jaro. Vi povas facíligi grave nian laboron per ekzakta pago. Ne lasu nin peti pli ofte, kaj pagu senprokraste. Kunsendu eble ankaŭ la kotizon de via amiko!
Ni estos dankaj al vi.



## V E R D A L I B E R T E M P O 1926.

Dum la pentekostaj semajnoj eventuale mi rearanĝos libertempon kun gesamideanoj diversnaciaj kiel en pasinta jaro. La prezo de RM 110 enhavas ĉiujn kostojn.

Ĉiutagaj ekskursoj kaj migradoj. Vizito al urboj kaj kasteloj (parte per ŝipo) ktp. Restadejo ekster la urbo en verda ĉirkaŭaĵo. Kiu interesiĝas, anoncu tion jam nun por ricevi la tiamajn informojn.

Leono F u n k e n, Delegito de UEA.
Florinsmarkt 7a, K o b l e n z, Germanujo.

# VOJAĜO TRA SVISUJO JE KONSIDERO DE LA OFICIALAJ BILDPOŜTKARTOJ.

(Daŭrigo.)

Silvaplana estas la eliro de J u l i e r p a ß. Montmalalten migrante, ni alvenas al la kuracejo, provizita kun la luksaj kaj plej modernaj oportunaĵoj, W a l d h a u s - F l i m s.

Ni nun vojaĝ'as trans la S a n B e r n h a r d i n o - P a ß Lugano-n, belega pejzaĝ'o apud Lugano-See. Ekskurson ni faras B r i s s a g o-n, je itala limo, kaj post kiam ni estas vizitintaj la malnovan preĝ'ejon, ĉirkaŭatan de belaj cipresoj, ni revenas al Lugano.

De Lugano ni migradas trans la neniam tute senneĝ'a F u r k a p a ß al la 1750 m alte situanta poŝtstacio G l e t s c h. Ni trapaŝas nun multfoje la sovaĝ'ŝaŭmantan „Rhône" kaj alvenas al B i e l. De tie ni marŝas sur la „Simplonstrato", kiun Napoleon I konstruigis de 1800—1806 je elspezo de 18 milionoj da frankoj, kaj atingas S i m p l o n p a s s - on, kiu kondukas Italujon. Tiam pretorpasante belajn rokojn kaj akvofalojn ni alvenas al M u t t e r h o r n. Per la fervojo ni reveturas tra Visp Leuk - on. Nun ni vizitas la en pentrinda valo situantan banon L e ŭ k e r b a d . Pli malsupre de „Rhône" ni venas al la belega vilaĝ'eto M o n t a n a - V e r m a l a kaj nun ni turnas nin je la urbeto S i t t e n. Post kiam ni estas vizitintaj la salban-on B e x - l e s - B a i n s, kiu situas ĉe la enfluo de la Rhône en la „Genfer See" ni alvenas al la vilaĝ'eto C a m p e r i, je piedo de „Dent du Midi",

La „Geneva Lago" estas la plej granda de la svisaj lagoj. De lokoj, proksime de la lago, ni trovas sur la bildkartoj ankoraŭ la rokan kastelon C h i l l o n, la stacidomon C a u x, la kuracejon C h a t e a u d'O e x, la urbeton V e v e y, la eminentan urbon L a u s a n n e kaj G e n f, la sidon de la ligo de nacioj.

Ni forlasas nun la „Geneva Lago"-on kaj vizitas St. C r o i x l e s R u s s e s. De tie ni migradas laŭlonge la grandega rokopordego C o l d e s R o c h e s al la 25 m alta akvofalo S a u t d u D o u b s.

(Daŭrigota)

G E R M A N A J   B I L D P O Ŝ T K A R T O J

Depost nelonge ankaŭ la germana regnopoŝto farigis propagandkartojn kun bildoj por urboj, kuracejoj k. t. p. Ĝis nun poŝtkartoj estas eldonitaj kun jenaj vidaĵoj:

1. Badenweiler kun ruino,
2. Breslau kun halnag'bano,
3. Bad Flinsberg, kuracdomo,
4. Frankfurt a.M., Vidaĵo,
5. Bad Salzschlirf kun „Söder"-arbaro.

Kiel valorstampilon oni prenis plej ofte la kliŝon de Rejnlando.



GERMANAJ MARKAJ KAJEROJ.

Post multjara paŭzo aperis denove markaj kajeroj. Tiuj-ĉi enhavas 20 poŝtmarkojn valore 5, kaj 10 poŝtmarkojn je 10 pfenigoj, laŭ modelo de la rejnlandmarkoj.

Bedaŭrinde la eldono ŝajnas esti tre malgranda ĉar ĉe la plej multaj poŝtoficoj la markaj kajeroj ne estas plu haveblaj.

---

A M I K E C A N O J !

P A G U   V I A J N   K O T I Z O J N.

---

Mi kolektas vidaĵojn de ĉiaj mondfervojoj (P. M.bfl.se eble). Respondas certe fine de la monato. Kunsendu (ev. surgluu) uzitan bileton de la montfervojo.
Leono Funken, Koblenz,(Rejno), Florinsmarkt 7a
G e r m a n u j o .

---

## NOMU MIN PESIMISTON, SED PRIPENSU LA JENAN !

De Esperantisto depost unu kaj duona jaro.

La kaŭzo de mia verkado de ĉi tiu artikolo estas grandega zorgo pri nia Esperanto-movado. Koncize: mi kredas, ke la (nerefuteblaj) progresoj en Esperanto ne estos pli eminentaj en estonteco ol en la lastaj jardekoj - se ni ne eluzas pli ol g'is nun la modernajn propagandilojn, precipe radion.

Jen mia propono: la ĉefa disaŭdigo-stacio de ĉiu lando disaŭdigu ĉiun tagon je certa tempo (unufoje aŭ plurfoje) la plej gravajn sciigojn el sia ŝtato mallongforme en Esperanto. Kiam ekz Berlin finis sian 3- aŭ 5minutan disaŭdigon, tiam sekvas samforme per novaĵoj el sia lando Paris, post kelkaj minutoj London ktp. Memkompreneble la ĉiutagaj disaŭdigoj devas okazi regule je preciza minuto laŭ firma plano. Mi proponas internacian interkonsenton pri ĉi tiu afero en kongreso aŭ (se baldaŭ ne okazos tia internacia radio - kongreso) en letera aŭ alia formo.

La avantag'o de mia propono: g'ia realig'o ne nur evidente montras la gravecon kompreni Esperanton al la radio - aŭskultantoj, sed ankaŭ kaj precipe al la redakcioj de la gazetoj, kiuj posedas radio - aparatojn. El mia longjara ĵurnalista praktiko mi scias, ke oni nun bezonas ekz. en Germanujo por la radioaparatoj redaktorojn scipovantajn perfekte la Anglan, Francan kaj eble ankoraŭ alian lingvon (la Hispanan Italan k.a.) por kapabli ricevi pripolitikajn, prisportajn ktp. sciigojn gravajn por redakcio de nemalgranda gazeto.

E.Wagenbreth, ĵurnalisto, ELZE-Hannover(Germ.)

---